Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Septembro n-ro 9/2009

## UNU PLIA GRAVA PERDO: MARIA ALMADA

La jaro 2009 enskribiĝos en nia historio kiel tempo de gravaj perdoj: post Sylla Chaves, nun ni perdis grandan pioniron. Maria Almada (1923-2009) okupis elstaran lokon en nia brazila Esperantomovado. Ŝi naskiĝis en Hungarujo kaj venis Brazilon post edziniĝo al alia aktivulo, Francisco Almada; ili konis sin reciproke okaze de internaciaj Esperantoeventoj. La paro ludis decidan rolon en nestabila momento, kiam ili fondis Brazilan Konsilantaron. Maria estis tre aktiva ene de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, dum pluraj jardekoj kaj ĝis siaj lastaj vivtagoj. Ŝi senlace partoprenis brazilajn kaj internaciajn Esperantajn eventojn kaj aparte sin dediĉis al pentroarto: ŝi iniciatis la fondon de artista Esperantista asocio. Kaj, se elekti flankon de ŝia personeco kiel la plej mirindan, ni ne hezitu: ŝi estis dolĉa, delikata, grandanima kaj aminda samideanino. Estos tre malfacile anstataŭi ŝin.

## MAIS UMA PERDA: MARIA ALMADA

Depois de Sylla Chaves, agora perdemos Maria Almada (1923-2009). Nascida na Hungria, mudou-se para o Brasil ao se casar com outro gigante de nosso movimento: Francisco Almada. Juntos, fundaram o Conselho Brasileiro de Esperanto, num momento difícil de nossa história. Atuaram de modo decisivo, principalmente junto à Associação Paulista de Esperanto. Maria Almada destacou-se também como artista plástica, fundando entidade esperantista especializada. E, acima de tudo, era amiga, doce, generosa e delicada.

## ESPERANTO EN SÃO JOSÉ DO RIO PRETO

unesp

E.G.U. - São José do Rio Preto
Esperanta Grupo UNESP/IBILCE
São Paulo - Brazilo

La 16-an de septembro okazis ĉe ŝtata Universitato de São José do Rio Preto/SP (UNESP) rapidkurso de Esperanto, kiel programero en la 21-a Semajno de Beletro en tiu institucio. 11 ĉeestantoj ricevis informojn pri nia lingvo, oni disdonis kompaktajn diskojn (kiujn donacis Juscelino Gama, delegito de UEA) kaj oni lotumis ekzempleron de "Esperanto para Principiantes", de Aloísio Sartorato. Vidu fotojn: http://picasaweb.google.com/egu.riopreto/EsperantaGrupoUNESPIBILCESaoJoseDoRioPreto# (Informis Leandro Freitas)

## ESPERANTO EM SÃO JOSÉ DO RIO PRETO

Em S.J.Rio Preto/SP, a 16-09-2009, a UNESP ofereceu curso rápido de Esperanto como parte da Semana de Literatura. Os participantes receberam CDs e foi sorteado um exemplar do "Esperanto para Principiantes", de A. Sartorato. O delegado da Associação Universal de Esperanto, Juscelino Gama, apoiou o evento. (Informou L. Freitas.)

## ESPERANTO EN UNIVERSITATO EN SANTA CATARINA

Felipe Queiroz, Estrarano de Brazila Esperantista Junulara Organizo (ni apogu!) informas, ke Universitato de "Planalto Catarinense" (UNIPLAC), en la urbo Lages/SC okazas senpaga kurso de Esperanto, instruata de licenciulo pri Beletro (angla lingvo). Ĝi daŭros de la 12ª/09 ĝis la 28ª/11, ĉiusabate, de la 14-a ĝis la 15:30 h. http://www.uniplac.net/eventos/esperanto/

## CURSO DE ESPERANTO NA UNIVERSIDADE, EM SANTA CATARINA

Em Lages/SC, na UNIPLAC, com aulas oferecidas por licenciado em Literatura, o curso, gratuito, vai de 12-09 a 28-11-2009, aos sábados, às 14 horas. (Informou F. Queiroz.)

## VIGLA EVENTO EN MINAS: ZOMAER

En la urbo Além Paraíba/MG, okazis la tria tiuregiona renkonto (ZOMAER), je la 13-a de septembro 2009. En ŝtata lernejo, ĉeestis 97 geesperantistoj el 14 urboj. Luiz A. Celho, delegito de UEA, prelegis pri Zamenhof kaj la Interna Ideo de Esperanto. José Passini, prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, prelegis pri la apogo de Brazila Spiritisma Federacio al Esperanto kaj Jorge Linck da Silva pri la katolika Esperantomovado kaj pri la apogo de Papo Johano Paŭlo II-a. Okazis speciala programo por infanoj kaj la artan vesperon prizorgis la aktiva Angela Faria. La proksima renkonto okazos en la urbo Manhuaçu. Tre sukcesa, imitinda evento! (Informis Élio Lopes de Oliveira.)

## OUTRO VIBRANTE "ZOMAER"

Em Além Paraíba/MG, com participação de quase 100 pessoas de 14 cidades, aconteceu mais um entusiasmado "Encontro na Zona da Mata", com a presença de J. Passini, Presidente da Liga Brasileira de Esperanto e L.A.Coelho, delegado da Associação Universal de Esperanto. J.Linck fez palestra sobre o movimento esperantista católico e Angela Faria organizou a hora de arte. (Informou E.Oliveira.)

Aproxima-se o fim de ano. Lembre-se de renovar sua adesão à Liga! Ela não vive sem os esperantistas!

La jarfino proksimiĝas... Rekotizu por BEL!

BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Septembro n-ro 9/2009

## PEDRO CAVALHEIRO ESTROS LA EDUKAN KOMISIONON

Laŭ ĵusa decido de la Estraro de Brazila Esperanto-Ligo, la agema eksprezidanto de nia institucio, Pedro Cavalheiro, fariĝas Ĉefdirektoro de la Eduka Komisiono. Kiel sciate, ĉi tiun gravan komisionon kreis li mem, antaŭ kelkaj jaroj, ne nur por normigi la liveradon de diplomoj al brazilaj esperantistoj, sed ankaŭ por uzi brazilan leĝon – ekzemple la leĝoaldonon de Senatano Cristóvão Buarque – favore al nia afero.

## LISTO DE KURSOJ EN LA RETPAĜARO DE LA LIGO

fmaiajr@gmail.com , nome de la (bonega!) retpaĝaro de Brazila Esperanto-Ligo, alvokas, ke ĉiu loka movadano informu pri kursoj de Esperanto en sia urbo, por speciala menuo. La informo devas mencii la urbon, kvanton da kursoj, nivelojn, postulojn, koston, komencon/finon, horon, periodecon, nomon de la intruistoj, adresojn, kontaktojn kaj aliajn utilajn aldonojn.

## GAŬĈOJ HAVAS NOVAN ESTRARON

César D. Soares informas, ke je la 12ª de septembro 2009 elektiĝis nova estraro de Gaŭĉa Esperanto-Asocio, sub la prezidanteco de Reinaldo J. Zaghetto. Iniciate de la informanto mem, publikiĝas en interreto simpatia kaj riĉenhava retbulteno "JES JA!". La kvina numero ĵus aperis: www.ipernity.com/cesar.dorneles .

## ESPERANTO SUR MURO !

Depende de via kreemo, eblas informi pri Esperanto plurmaniere. S-ro José Nobre, kiu loĝas ĉe Estrada Água Branca 5803, Bangu, Rio, tion faris per farbado sur la muro de sia domo. Preterpasas tiun lokon po 10000 homoj ĉiutage. Informis "Projekto Esperanto al la Publiko". Vidu la foton:

## "LA BLANKA BIRDO" FLUGAS JAM!

La septembra numero de la portugallingva informbulteno "La Blanka Birdo", de Taguatinga Esperanto-Klubo, jam estas disponebla per la jena adreso: http://docs.google.com/fileview?id=0B8tt6G7bhJnmNzkxYzY5ODItYTI1OS00MjhjLTg3NzktY2QzYjE3MjA3ZjY5&hl=pt_BR .

Je la 20-a de septembro 2009, TEK okazigis renkonton de 157 homoj, omaĝe al Zamenhof. Prelegis U. Grattapaglia, el bieno "Bona Espero", kaj itala Esperantisto F. Maurelli, vicprezidanto de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio. Kantis F. Fonseca kaj partoprenis multaj infanoj. Carlos Maria, veterana aktivulo en Brasília, ricevis omaĝon kiel valora apoganto de la loka movado. La ĵurnalo "Correio Braziliense" publikigis ampleksan materialon pri Esperanto: http://picasaweb.google.com/evandro.avellar/CorreioBraziliense#

### PEDRO CAVALHEIRO DIRIGE A COMISSÃO DE EDUCAÇÃO

Por decisão da Diretoria da Liga Brasileira de Esperanto, o ex-presidente Pedro Cavalheiro passará a dirigir a Comissão de Educação da entidade, que tem por finalidade emitir diplomas e estabelecer estratégia para a implantação do Esperanto nas escolas, em nosso país.

### LISTA DE CURSOS NA PÁGINA VIRTUAL DA LIGA

fmaiajr@gmail.com solicita que todos enviem informações sobre cursos de Esperanto em suas localidades: número e níveis, exigências, preço, datas de início e término, hora, periodicidade, nomes de professores, endereços.

### GAÚCHOS TEM NOVA DIRETORIA

Sob presidência de R. Zaghetto, a associação gaúcha elegeu nova diretoria. Veja o boletim "Jes Ja!": www.ipernity.com/cesar.dorneles .

### VOA ALTO O "PÁSSARO BRANCO"

O número de setembro de "La Blanka Birdo", boletim do Clube de Esperanto de Taguatinga/DF já está disponível:

http://docs.google.com/fileview?id=0B8tt6G7bhJnmNzkxYzY5ODItYTI1OS00MjhjLTg3NzktY2QzYjE3MjA3ZjY5&hl=pt_BR .

Em 20/09/2009 o CET promoveu encontro de 157 pessoas na cidade, em homenagem a Zamenhof. Apresentaram-se U. Grattapaglia, da Fazenda Bona Espero e o Esperantista F. Maurelli, da Associação Vegetariana Esperantista Mundial . O músico F. Fonseca participou e o Correio Braziliense noticiou amplamente.

### ESPERANTO EM CIMA DO MURO!

Veja ao lado a iniciativa de José Nobre, em Bangu, no Rio de Janeiro. Pela Estrada Água Branca, onde fica sua residência, passam diariamente 10000 pessoas. (Informou o "Projeto Esperanto para o Público".)